*Je ambaŭ flankoj de la mondo!*






el la foto-albumo de JK. Hammer.

2.

1. Japana klubo, adreso: S-ro Kikusaburo Ichii, Hirakata P.O. kesto 11 Osaka.

2. Germana kurso de: Esp. Centro Rheinland-Pfalz, Hasslocherstr. 17 D6730 Neustadt-Weinstrasse

Okazas nun dekoj da kursoj : en temploj, en skoltejoj, en preĝejaj salonoj kaj privataj domoj, en ĉiuj kontinentoj de la mondo.

Mi vere estas ĝoja, ke mia libreto tiom valoras por la Skolta Movado !

Al vi ĉiuj mi deziras sukceson, kaj mi esperas ke Esperanto donos al vi ĉiuj TIOM da plezuro, kiom ĝi jam donas al mi.

Skoltfrate salutas al vi : JkHammer

## LA ŝtelista NODO.
















Bildo en la unua eldono de nia lernolibro por skoltoj "Jamborea Lingvo" zorgis por vigla internacia korespondo.

"Mi vere ne kredas ke la nodo en paĝo 9 estas *malbona* ! "

Tion multaj skoltoj skribis al mi.

"La bildo de la fuŝ-refnodo estas ne korekta ! "

Tion skribis alia skolto.

Sed...
*tute ne temas pri fuŝ-refnodo !*

Mi volonte klarigas la nodon, kiun mi desegnis.
Rigardu bone la bildojn . Ĉe 1) estas ordinara refnodo. Ĉe 2) estas la fuŝ-refnodo. Nun la plektaĵo estas farita en alia maniero.
En bildo 3) estas nodo, de kiu la plekto estas kiel en bildo 1) , sed vi bone atentu kie la ŝnur-finaĵoj A kaj B estas !

En *Nederlando* oni *nomas tiun nodon "ŝtelista nodo"* , ĉar ĝi tre facile glisas.

Por fari ĝin oni ne volvas la ŝnurfinaĵojn unu ĉirkaŭ la alian, sed unue oni faras banton, tra kiu oni plektas la alian finaĵon (bildo 4).

En la *dua* eldono *de la libro, mi tamen ŝanĝis* la bildon ĉar lernolibro ja devas esti tuj komprenebla !

JKH

****************************************************

# KUKOLO

La kukolo ek de pratempoj havis certan lokon en la popolfantazio. Sennombraj estas la historioj, legendoj kaj proverboj, kiuj ŝvebas ĉirkaŭ tiu stranga birdo.
Ĉiu scias, ke la kukolo estas ia parasito en la birda mondo. Ĝi neniam konstruas neston aŭ prizorgas familion. Anstataŭe ĝi metas la ovojn en la nestojn de aliaj birdoj, kiuj tiel aŭtomate iĝos edukgepatroj de la kukolido.
Tiu "parasitismo" kreis certan malbonvolon kontraŭ la kukolo. Oni rigardas ĝin sentaŭgulo, senhontulo, danĝero al la etbirdoj. Tiu karakteristiko tamen estas pli sentimentala ol justa. La naturo de la kukolo ja estas tia.
Pli novaj esploroj ankaŭ malkovris, ke la kukolo tute ne estas tiel indifirenta rilate al la idoj. Kelkaj sciencistoj eĉ asertas, ke la kukolo la tutan tempon observas la edukgepatrojn kaj la idojn, ĝis tiuj plenkreskis.
Reveninta printempe la virkukolo propriga al si teritorion, poste gardotan kontraŭ ĉiuj aliaj virkololoj. Ofte ĝi revenas jaron post jaro al la sama teritorio. Ĉiu konas ĝian "Ku-ku". Estas la koko kiu faras tiun sonon dum la seksa periodo. Tiam ĝi estas en ekstazo, kaj la signaloj revenas rapide, ĝis 60 foje en unu serio. La ino respondas per trilado, simila al tiu de etnumenio. Ŝi estas tre produktiva, metas ĝis 25 ovojn dum printempo kaj antaŭsomero. En Norvegujo ŝi elektas inter 20 diversaj birdoj por edukgepatroj.
Tuj kiam kukolo venas al sia loko, ĝi komencas sisteman esploron de la ĉirkaŭaĵo por eltrovi, kie la etbirdoj troviĝas, kaj gardi ilian nestkonstruon. Oni eltrovis, ke la kukolino ĉiam metas siajn ovojn en nestoj kie la ovoj kiel eble plej similas al ŝiaj kolore kaj forme. Verŝajne ŝi mem siatempe elkoviĝis en nesto de tia birdspeco.
Kiam kukolo trovis konvenan neston, ĝi atentadas ĉion kio okazas tie. Tuj, kiam la posedanto de la nesto metis ovon aŭ du, la kukolo estas tie por meti unu sian. Tio okazas tre rapide, dum 8-10 sekundoj.
Ordinare la kukolino glitas per larĝe vastaj flugiloj al la nesto, prenas ovon per la beko, sidiĝas sur la nesto kaj metas sian ovon, kaj forflugas kun la ŝtelita ovo, kiun ĝi aŭ manĝas aŭ forĵetas.



La etbirdo konas la kukolon kaj ĝiajn morojn, kaj certe ne ŝatas *tian najbaron*. Oni tial ofte vidas flugantan kukolon kun vosto de ĉasantaj etbirdoj. Ili verŝajne kune volas forpeli ĝin de sia distrikto. Sed strange estas, ke ili kutimas aprobi la fremdan ovon eĉ kiam ĝi rimarkinde diferencas de la propraj. La kukolo estas tre decidita, kiam ĝi volas meti sian ovon en elektitan neston. Ĝi tute ne volas lasi sin forpeli. Angla fotografo, Oliver G Pike, kiu filmis kukolon, eksperimente forpelis iun. Ĝi revenis, kaj tio ripetiĝis 24 fojojn. La 25-an li lasis ĝin pace, kaj ĉio okazis normale. En la daŭro de 6 sekundoj ĝi elŝanĝis ovon kun propran kaj forflugis.
Oliver Pike ankaŭ rakontas, kiel la kukolo konscie ruinigas nestojn kie la etbirdoj jam metis siajn ovojn, kaj kie ĝi tial ne konas la tempon por finkovado. Ĝi ja ne povas riski meti sian ovon en iu nesto, kie la birdidoj tro frue elvenos. Tie ili ja iĝus grandaj kaj flugitaŭgaj antaŭ ol la kukolido ekvidus la tagon. Plej ofte la neelkovitaj ovoj senkompate estas elĵetitaj kelkajn tagojn post normala elkoviĝo. Tiel la tro malfrua ovo estas kondamnita al morto. Tion la kukolo instinkte scias, sed ankaŭ, ke la birdoj tuj rekonstruas detruitan neston en la proksimo. Kaj tiam ĝi povas atenti la progreson, kaj meti la ovon en oportuna tempo.
La kukolovo bezonas pli mallongan tempon ol aliaj ovoj. Tiun avantaĝon la kukolido eluzas, kiam ĝi senkompate elĵetas siajn "gefratojn" aŭ restantajn ovojn. Nur kelkajn horojn post sia naskiĝo ĝi komencas sian tiranion. Ĝi *premas sian dorson sub alian idon* aŭ ovon kaj rektigas siajn fortikajn krurojn. Kaj jen, la alia malaperas super la nestobordon. Post paŭzo ĝi daŭrigas la elĵetadon *ĝis ĝi sola restas*.
La etbirdoj, kiuj tiel perdas la proprajn idojn, transverŝas sian plenan amon al la glutema fremdinfano. Kun kortuŝa zorgemo kaj nelacigebla fervoro ili alportas insektojn kaj vermojn por ŝtopi en la neniam sata faŭko. La ido manĝas por kvin, kaj post kelkaj semajnoj estas pli granda ol la edukgepatroj.

Post tri semajnoj la ido forlasas la neston, sed ankoraŭ ĝi estas nutrata de la gepatroj dum longa tempo.
Oni ankaŭ asertas, ke la granda ruĝa faŭko de la kukolido povas esti kvazaŭ hipnotika al preterflugantaj birdoj kiuj alportadas nutraĵon al siaj propraj idoj. Ankaŭ tiu nutraĵo do povas fini en la stomako de la kukolido. Okazis, ke la kukolo metis sian ovon en nesto, kie la enirejo estis tro malvasta por kukolido. La edukogepatroj tiam daŭras ĝin nutri ĝis malfrua aŭtuno. Sed la vivo de tiu ido ja devas tragike finiĝi.
La fotita kukolido estas trovita ĉe Blåhø, oriente de Fokstumyra, en la norvega almontaro.
Teksto kaj foto estas el la libro "I Dovregubbens Rike" (En Regno de Dovre-trolo) de Mathis Kværne kaj estas redonata kun permeso de la aŭtoro, al kiu ni tutkore dankas.





Sugesto.

Kelkaj el vi deziras korespondi. Faru tion.
Sed ĉu ne estus saĝe *ankaŭ* sendi al la nacia skoltorgano de la koncerna lando peton pri korespondo en Esperanto?!

# Nia korespondo.

Korespondo kun interŝanĝo de poŝtmarkoj, poŝtkartoj, alumet-etiketoj, E-gazetoj, ilustritaj gazetoj kaj ĉokoladopapero estas dezirata de Frana Škrla, Celakovskeho ut cis 486, KYJOV, Ĉeĥoslovakujo.



*Ni bezonas dek knabinojn inter sep* kaj dek jaroj kiel korespondantinoj. Ni estas skoltinetoj kaj preferus alian saman grupon. Aŭ ni skribus al skoltetoj aŭ skoltinoj. Nia gvidistino estas f-ino *Merle Haltrecht, 43 Avenue Road, Ottawa* 1, Ontario, Kanado. Bonvolu skribi al ŝi, kaj ni skribos al vi.

# NI RICEVIS:

folieton pri Biblia Muzeo de Antikaĵoj en Amsterdamo.

Turistbroŝuron pr Nord-Orienta Svislando, tre bela kun mapo kaj kun bildoj, kaj Esperanta teksto. Ricevebla ĉe Nordostschweizerische Verkehrs-Vereinigung, CH 9001 St. Gallen, Svislando. Bonvolu skribi en Esperanto.

Libron "La Lando de Alvargonzalez" de Antonio Machado, en traduko de Fernando de Diego. Eldono de la Hispana Esperanto-Federacio, kiu *havas sidejon en Zaragoza. Temas* pri *rakonto en versoj*, bele presita kaj bone tradukita. Prezo 10 steloj.

Belan, 24-paĝan, broŝuron pri Česká Třebová, kun superrigardo de la historio, nuna stato k.t.p de tiu ĉeĥoslovaka urbo, eldonitan de la urba nacia komitato al la 50-jara jubileo de Ĉeĥoslovakujo.



Ĉiu skolto havas idealon al kiu li rigardas kun la sekreta espero iam simili. Kaj inter la skoltaj idealoj St Georg havas altan lokon. La skoltoj legis aŭ aŭdis la legendon pri lia batalo kontraŭ, kaj venkon super, la drako, kaj certe revas, ke li mem, iam kaj ie, same brave batalos kaj venkos. Tamen li ofte ne vidas la eblecojn al tia batalo ĉar li nur pensas pri la grandaĵoj. Tiam estas saĝe memori, ke la vivo ne konsistas el la grandaĵoj sed el bagateloj. En la bagateloj oni vidas fidelecon.

# ETAJ NOTOJ.



De goede daad. La bona ago.

Personaj notoj pri kelkaj kunlaborantoj...

- - - - - - - - - - - - - - -

Seppo Tella, nia N.R. en Finnlando jam dum pluraj monatoj estas eksterlande. Li ricevis stipendion por viziti universitatojn i.a. en Francujo.

Euclide Soares, en Brazilo, dum pluraj monatoj devis sekvi kurson altnivelan, kaj poste flugis multe tra sia grandega lando. Multloke li parolis pri nia Ligo, kaj en ŝtato Acre eĉ skoltado estis nekonata. Nun li denove estas preta por servi al SEL.

La redaktoro estis dum monatoj tre okupata pro duobla tasko. Kolego malsaniĝis kaj nun mortis, kaj la taskoj de tri pastroj estu farataj de du. Pardonu malfruiĝojn ktp.

Leteroj pri malsanoj ankaŭ venis de niaj N.R.oj en Italujo kaj Aŭstralio dum la pasinta jaro.

Nia kasisto komence de decembro ricevis merit-medalon de sia skoltasocio, transdonitan de la graflanda komisaro. Dum la sama kunveno la filo Martin Withey iĝis ĉefskolto (steloskolto). Ni kore gratulas al ili ambaŭ!

Vojaĝon al eksterlando ankaŭ faris nia N.R. en Japanujo, s-ro Sinzo Sumija. Dum la foresto la Esperanto Servo Centro Osaka, sub gvido de s-ro Seitaro Sindo zorgis, ke la aferoj tamen marŝis. Japanujo tiel donis al ni ĉiuj imitindan ekzemplon!

El Ĉeĥoslovakujo unue venis tre ĝojigaj sciigoj. Dum la jaro la eblecoj por Skoltado tamen denove malboniĝis. La agema St.Leŝinger tamen laboras, kaj deziras aĉeti por kompletigo la numerojn 25-26 42 kaj 43 el 1960. Bonvolu proponi. Adreso: M. Cibulkove 34, Praha 4 Pankrac.

Pri hon.prez. Jozef van Gulck mi nur volas diri, ke li, kiel ĉiam, aktivas kaj per leteroj atentigas multegajn alt-rangulojn en nia Movado pri la valoro de Esperanto.

La Sekretario multe laboris por nia kampanjo. Pro difekta maŝino la dua eldono de "Jamborea Lingvo" aperis tre malfrue. Tiu fakto, kune kun kelkaj aliaj aferoj, donis al li (por diri la veron) fakte tro multajn problemojn dum la lastaj monatoj de la jaro 1969.

Informoj pri okazontaĵoj.

Turisma Servo de TEJO ellaboris kalendaron de *pli gravaj junularaj* Esperanto-aranĝoj 1970.
Vin turnu al Turisma Servo de TEJO ĉe Andrzej Grzebowski, BYDGOSZCZ, M. Curie-Sklodowskiej 10/3, Pollando.

El la sama lando ankaŭ venas informo, ke Klubo De Kanzon-Amantoj "Belsono" (Wroclaw-17, str.Dubois 3, Pollando) intencas surdiskigi kelkajn modernajn esperantajn kanzonojn, kaj tial petas vin skribi al "ARS POLONA", Varsovio, Krakowskie Przedmiescie 7, kaj peti informojn pri la planoj pri diskoj kun la pop-muzikistoj "Muzilo".
Tiu "Muzilo" estas, laŭ la letero, la sola "pop-band" kiu uzas nian lingvon.

En *supre nomita kalendaro ne estas* informo pri labortendaro 80 km. sude de Romo 10a-30a de Julio.
La restado estas senpaga.
Skribu al MCP, via Cesare Balbo 4, I-00184 ROMA, Italujo.

Esperantista Kulturdomo, Kastelo Gresillon atentigas pri:
La revuo kiu progresas, ĉar ĝi plaĉas: "Kulturaj Kajeroj".
Ĝi, *vere internacia*, alportas artikolojn plej diversajn, bele ilustritajn, facile legeblajn, kaj novaĵojn de la Esperantista Kulturdomo "Gresillon", BAUGE 49 Francujo.



# KIAL BARIERO dividas nin





PROPONU al via (antaŭa) skoltgrupo FORIGI tiun barieron !

* La solvo estas TIEL *
* facila, ke oni tute *
* ne komprenos vin ! *

TIAL :

proponu proponu proponu trifoje !



ĴAMBOREA LINGVO, skolta lernolibro

**NUN KUN DISKO!**

Sendu poŝtmandaton al la sekretario de Skolta Esperantista Ligo.

Libro *f* 2.50 Disko *f* 2.00
(*f* = nederlandaj guldenoj )

Rabato 25% ĉe mendo de 10 ekz.

*mendu tuj!